3/6.

II JARO SOFIA—BALGARIO MARTO—JUNIO 1959

# INTERNACIA ĴURNALISTO



## D-RO L. L. ZAMENHOF — AŬTORO DE ESPERANTO



La 15-an de decembro 1959 estos la 100-jara datreveno de la naskiĝo de d-ro L. L. Zamenhof.

*„La praktika apliko de esperanto montris, ke la fundamenta baro al internacia komunikado kaj kunlaborado-la lingva obstaklo-estas venkita por tiuj, kiuj scias la Internacian Lingvon. Ttu obstaklo estas, same tiel, venkebla por ĉiuj aliaj. Necesas bona volo nur kaj iom da fortstreĉo por ellerni la lingvon."*

(El la Deklaracio, prenita okaze de la 100-jara datreveno de la naskiĝo de d-ro L. L- Zamenhof en Mainz, la 5-an de aŭgusfo 1958)

## LA TASKO DE LA ĴURNALISTOJ DUM LA ZAMENHOF — JARO

*La vigliĝo de la Esperanto-movado kunekse kun la efektiviĝo de la jubilea Zamenhofa jaro estas pli kaj pli ſorte sentata. La organizitaj taĉmentвj de nia movado — la Universala Esperanto Asocio, la naciaj unuiĝoj, la diversaj aliaj Esperanto- organizaĴoj, mobilizas siajn fortojn por inde partopreni la iniciativojn pri la brila festado de la Centa datreveno de la naskiĝo de la aŭtoro de Esperanto.*

*En la variaj tiurilataj agadoj gravan lokon okupas la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Tio estas natura kaj memkomprenebla, ĉar unu el la plej signiĵoplenaj sektoroj de nia informa kaj propaganda la oro dum la Zamenhofa jaro estas la gazetaro. La ĵurnalistoj-esperantistoj en ĉiuj landoj de la mondo verkas artikolojn en la nacia kaj loka gazetaro pri Zamenhof,pri lia vivo kaj lia faro, pri la nuna stato kaj la cston-*

*taj perspektivoj de Esperanto. En ĉiuj Esperanto-gazetoj jam aperis ĉefartikoloj, dediĉitaj al Zamenhof, al la movado kaj daŭre aperas plu materialoj de simila karaktero.*

*Tiu ĉi agado tamen ankoraŭ ne estas sufiĉe intensa. Vere, ni ne havas ĝeneralan superrigardon pri la aktiveco de la ĵurnalistoj en internacia skalo, sed la direktanta kaj instrukcianta centro — UEA kaj ĝiaj organoj-signalas alarmon. Laŭ informoj de la Centro de Esploro kaj Dokumentado, multaj landaj asocioj faris preskaŭ nenion. „Eĉ la oficialaj organoj de pluraj landaj asocioj- skribas UEA en sia cirkulera letero de la 21 de marto-ne trovis unu solan vorton por mencii la Zamenhof-jaron".*

*Ankoraŭ pli plorinda estas la situacio kun la ne-esperanta nacilingva gazetaro. Kiel ekzemplon ni donos la gazetaron de Bulgario, kie la Esperanto-movado relative bone evoluas. En la bulgara nacia gazetaro aperas ankoraŭ nesufiĉe meterialoj pri la jubilea jaro kaj pri nia movado. El la kelkaj Esperanto-gazetoj, aperantaj en Bulgario, nur „Nuntempa Bulgario", „Bulgara Esperantisto" kaj „Internacia Ĵurnalisto" apartigis atenton kaj lokon por publikigi tiajn artikolojn kaj informojn. „La Junularo de Bulgario" kaj „Bulgara Filmo" neniun vorton skribis ĝis nun.*

*Antaŭ la membroj de TEĴA kaj la ankoraŭ ne organizitaj ĵurnalistoj-esperantistoj staras gravaj taskoj. Ili devas laŭplane kaj sisteme eklabori. Ekzemple la bulgaraj ĵurnalistoj, organizitaj en sia Sekcio, fondis centron de agado kaj faris planon pri ĝi. Estas eldonota granda jubilea ununura bulgarlingva ĵurnalo. Oni utiligos racie kaj sisteme le abundajn materialojn, kiujn la Fako de Informado ĉe UEA regule dissendas al ĉiuj membroj de TEĴA. Krom la malgrandaj sciigoj pri la jubilea jaro kaj pri la Esperanto-movado, oni verkos pli grandajn artikolojn por la centra gazetaro de la respubliko. Bonan ekzemplon montras al ni tiurilate la kolegoj el Pollando, Italio ka, kiuj jam publikigas sufiĉe da materialoj pri Zamenhof-jaro en sia nacilingva gazetaro.*

*La jubileo ne estas memcelo. Ĝi estas rimedo por plifortigi organize niajn esperantistajn vicojn, amasigi niajn organizaĵojn, aktivigi la samideanojn, eltrovi novajn kolegojn al nia nobla afero. Krom tio la jubileo altiros la atenton de la vasta publika opinio al nia Internacia Lingvo kaj al nia movado, gajnos milojn da novaj adeptoj de Esperanto.*

*Ni eklaboru persiste, ne domaĝante niajn fortojn! La rezultoj de nia sindona laboro ne malfruiĝos. Nia aktiva agado estos la plej bona maniero celebri la grandan filon de la homaro — L. L. Zamenhof dum la Centa datreveno de lia naskiĝo en la jubilea Zamenhof-jaro.*

*As. Grigorov*
*Sofio, Bulgario*

## RENKONTIĜO DE ESPERANTISTOJ DUM LA VII TUTMONDA JUNULARFESTIVALO EN VIENO — AŬSTRIO

La internacia preparkomitato de la VII Tutmonda junularfestivalo por paco kaj amikeco okazos en Vieno, la belega ĉefurbo de Aŭstrio (26. VII — 4. VIII. 1959). Laŭ la oficiala cirkulero de la Festivalkomitato, dissendita en Esperanto kaj subskribita de S-ano A. Balague en la nomo de la Prepargrupo por la renkontiĝo de esperantistoj dum la Viena Junularfestivalo, ni ekscias, ke la 28-an de julio en la kadro de la festivalo okazos renkontiĝo de junaj esperantistoj. La programo de la festivalo estos interesa, riĉa kaj alloga. Mi proponas, ke la saman tagon (la 28-an de julio) aŭ en alia tago ni organizu renkontiĝon ankaŭ de junaj esperantistoj-ĵurnalistoj. Anoncu vian partoprenon al la Preparkomitato de la VII Festivalo. „Esperanto", Wien I, Seilerstätte 15, Aŭstrio.

Nikolaj Nikolov, Sofio

# ORGANIZA INFORMADO PRI LA ESPERANTISTA VIVO EN NACIAJ GAZETOJ KAJ PRI UNU PROPONO DE LA JUGOSLAVIAJ ĴURNALISTOJ

Dum sia plej grava kunveno, la estraro de Jugoslavia Esperantista Ĵurnalista Asocio (JEĴA) konstatis, ke Esperanto inter la Jugoslaviaj ĵurnalistoj trovas de tago al tago pli multe da amikoj. Nun en Jugoslavio Esperanton parolas tre bone kaj uzas ĝin pli ol dudek profesiaj ĵurnalistoj.

Nature estas, ke ĝuste de la ĵurnalistoj plej multe dependas, kia opinio pri Esperanto formiĝas inter la vasta publiko. Oftaj informoj, koncizaj artikoloj, precipe pri la praktika valoro de Esperanto, en naciaj gazetoj estas la plej bona rimedo por propagandi ĝin. Pro tio la estraro decidis formi reton de profesiaj kaj neprofesiaj ĵurnalistoj, kiuj zorgu pri konstanta, organiza informado pri la esperantista vivo en naciaj gazetoj. Tiu ĉi decido estas grava pro tio, ke priesperantistaj kaj priesperantaj artikoloj en diversaj naciaj gazetoj ne estos plu tute hazardaj.

Ĉiuflanke estis pritraktitaj metodoj de propagando de Esperanto inter la ĵurnalistaro entute. Ni, esperantistoj, kompreneble, bone scias kian grandan valoron havas nia lingvo. Sed kian opinion pri Esperanto havas la aliaj ĵurnalistoj? Feliĉe, tute malamikan starpunkton havas nur malmultaj. Sed iuj ne lernas la lingvon pro tio, ke laŭ ilia vidpunkto, ili havos nenian utilon. Ni, esperantistoj scias ja bone, ke tio ne estas vera. Tamen ni devas konstante serĉadi pli larĝan aplikon, tute praktikan, de Esperanto en la ĉiutaga vivo de la ĵurnalistoj.

Temas, do, pri praktika, pli efika uzado de Esperanto inter la ĵurnalistaro. Kiel atingi ĉi tiun celon?

Diversnaciaj ĵurnalistoj-esperantistoj en plej granda nombro renkontiĝas ordinare dum la universalaj kongresoj. Ni devas konfesi, ko tie ili ne estas tiel multnombraj. La kongresoj, tieldire, ensorbas la ĵurnalistojn kaj niaj fakkunvenoj perdiĝas en la grandiozaj aranĝoj de la kongresoj. Pri memstaraj kongresoj de esperantistoj-ĵurnalistoj nun oni ne povas eĉ pensi. Aliflanke, ni bone scias, ke ĵurnalistaj asocioj el diversaj landoj aranĝas internaciajn renkontiĝojn de ĵurnalistoj kaj ke tie, kvankam oni uzas almenaŭ tri ĉefajn lingvojn, kaj malgraŭ ke la ĵurnalistoj ordinare estas poliglotoj, regas grandega nekompreno inter la ĉeestantoj ĝuste pro la lingvaj baroj. Ni nur menciu la artikolon, skribitan de s-ano Niilo Kavenius el Finnlando sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto" sub la titolo „Teorio kaj praktiko ne estas unu kaj sama afero" (n ro 2, jaro 1958), kaj la sekvinta post ĝi artikolo pri la sama afero de s-ano Joĵko Stanek el Praha.

Ni estas profunde konvinkitaj, ke la lingvajn barojn, kaj precipe inter la ĵurnalistaro, povas rompi ankaŭ Esperanto. Se ni tiun ĉi fakton praktike montrus al la ĵurnalistoj-neesperantistoj, multaj certe tuj komencos lerni Esperanton kaj la malamikoj de la Lingvo Internacia en niaj ĵurnalistaj medioj malaperos.

Estas pli ol necese, ke ni pripensu la organizadon de reciprokaj vizitoj de ĵurnalistoj-esperantistoj el diversaj landoj. Ĉiuj ĵurnalistoj de unu lando sciu, ke al ili venas delegacio de fremdlandaj ĵurnalistoj, kun kiuj oni kontaktiĝas nur esperantligve. Tio estas grava maniero de propagando de Esperanto inter la ĵurnalistaro kaj firmiĝo de la prestiĝo de la Lingvo Internacia inter la intelektuloj. Konsiderante la neceson kaj ankaŭ la eblecojn, mi asertas, ke ĉiu paŝo tiurilate signifus rimarkindan sukceson.

La legantoj de la ĉisupraj linioj certe jam havas sian rilaton kaj opinion pri la menciitaj pensoj kaj proponoj. Mi estus tre ĝoja, se la legantoj respondus al tiu ĉi artikolo sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto". Pritraktitaj estas ĉiuj eblecoj pri internaciaj rilatoj de la esperantistoj-ĵurnalistoj. Pri eventualaj jam konkretaj proponoj, adresitaj al la jugoslaviaj ĵurnalistoj oni skribu ankaŭ al la ĉisuba adreso.

Stanislav Škrbec, ĵurnalisto,
Redakcio „Novi List", Rijeka
Jugoslavio

# NI VIZITU AMASE LA 44-an JUBILEAN UNIVERSALAN KONGRESON DE ESPERANTO EN WARSZAWA, POLLANDO

Baldaŭ en la belega restarigita ĉefurbo de Pollando-Varsovio, okazos la Jubilea 44-a Universala Kongreso de Esperanto. En la grandega kaj impona Palaco de kulturo kaj scienco-la kongresejo-kolektiĝos miloj da kongresanoj el la tuta mondo por manifesti la venkantan supreniron de nia Internacia Lingvo kaj ideo por paca kompreniĝo inter la popoloj kaj la eblecon de kunlaborado, konkurado kaj kunekzistado inter la ŝtatoj.

Dum la Kongreso, inter la diversaj laborkunsidoj, amuzaĵoj kaj ekskursoj, okazos ankaŭ la Ĝenerala fakkunveno de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. La kunvenontaj ĵurnalistoj-esperantistoj el la tuta mondo ĝuos la eblecon renkontiĝi kun siaj gekolegoj, pridiskuti la ĝisnunan laboron de TEĴA kaj de ĝia Estraro kaj pritrakti la plej gravajn problemojn de la estonta agado de nia faka Asocio.

En la tagordo de nia Ĝenerala fakkunveno estos raportoj de niaj Prezidanto kaj Redaktoro pri la agado kaj la stato de nia TEĴA-afero kaj pri nia organo „Internacia Ĵurnalisto", kiujn raportojn ni aperigos en konciza formo en la sekvanta n-ro de „Int. Ĵ-sto".

Devo de ĉiu TEĴA-membro, de ĉiu ĵurnalisto-esperantisto estas fari ĉion eblan por partopreni la Jubilean 44-an Universalan Kongreson de Esperanto kaj la Generalan fakkunvenon de TEĴA en Varsovio. Tiamaniere ankaŭ ni-ĵurnalistoj-kontribuos por la solena celebrado de niaj Jubileo kaj Zamenhof-jaro.

Do, karaj TEĴA-anoj, preparu vin kaj vizitu nepre la belegan Varsovion!

---

## RICEVITAJ ESPERANTAJOJ

**Bofilino** — romano de la granda bulgara verkisto Georgi Karaslavov. Tradukis el la bulgara originalo S. Simeonov kaj As. Simeonov. Ilustrita, bindita, 327 paĝoj, prezo 2.5 usonaj dolaroj, enkluzive sendkostoj rekomendite. Eldono de la Fremdlandlingva Eldonejo, Sofia, Bulgario.

Liveras: Bulgara Esperanto-Kooperativo, bul. Stalin 40, Sofia, Bulgario.

**Sciencaj Studoj** — bazitaj sur originalaj esploroj kaj observoj, sub redaktado de Paul Neergäard, 244 paĝoj, eldonejo KoKo.

Esperanto en la Festivalo — organo de la festivalontoj parolantaj Esperanton, Jaro II, n-ro 2. Eldono de la Junulara sekcio ĉe BEA. Adreso P. K. 44, Sofia, Bulgario.

Junularo de Bulgario — ilustrita grandformata revuo esperanta, n-roj 1, 2 kaj 3. Eldono de CK de DKMS, adreso: str. Kalojan 10, Sofia, Bulgario.

Bulgara Filmo — esperanta filmrevuo, n-roj 1, 2, 3, 4 kaj 5. Eldono de ŝtata entrepreno „Distribuado de filmoj", str. Rakovski 135, Sofia, Bulgario.

Mi volas viziti lernejon — riĉe ilustrita 78-paĝa libreto por infanoj, adaptita de Ŝju Guangju laŭ la rakonto de Gaŭ Ju-baŭ. La libreto prezentas parton de la aŭtobiografia rakonto de Gaŭ Ju-baŭ, famekonata verkisto en Ĉinlando. Esperantigis Liŭ Hung-kang. Eldonis Ĉina Esperanto-ligo, P. O. Kesto 77, Peking, Ĉinio.

Almanaketo — Literatura aldono al „Esperanto en Slovakio", jarkolekto 1957—58, stencilita 68-paĝa kolekto de originalaj kaj tradukitaj versaĵoj kaj rakontoj. Eldonis Esperanto-rondeto ĉe kleriga domo, **Martin**, Ĉeĥoslovakio.

Informa Foira Bulteno de Brno — esperanta eldono stencilita.

Wuppertal — ilustrita prospekto faldfolia pri la malnova urbo Wuppertal, havebla ĉe: Presse-ung Warbeamt, Wuppertal, Germanio.

Zamenhof-jaro — dokumentoj kaj informoj pri Zamenhof — jaro kaj 44-a Jubilea Universala Esperanto-Kongreso en Varsovio.

**Turismaj informoj el Pollando** — ilustrita, lukse eldonita broŝuro informanta pri turismo kaj vidindaĵoj de Pollando, kun artikolo pri 44-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio. Ricevebla senpage. Skribu al: Pola Vojaĝoficejo „Orbis", Warszawa, Bracka 16, aŭ al: Komitato por Turismo, Hoza 20, aŭ al: Pola Esperanto-Asocio, Warszawa, Nowy Swiat 27.

Nürnberg — ilustrita prospekto faldfolia pri la granda industria kaj komerca urbo Nürnberg. Eldonas Verkehsverein Nürnberg e. V. — Esperanto Informejo, Mödeldorfer Hauptstr. 2, Germanio.

**Internacia Esperanto-Letero** — n-roj 1 kaj 2 (tria jaro) — multobligita skribmaŝine 4-paĝa bulteno priesperanta, sendata interŝanĝe. Adreso: Edvardas Medonis, Grybaŭsko 22, Kaŭnas 19, Litova SSR, USSR.

*KRAKOW (POLLANDO)*

*La partoprenantoj de la 44-a Jubilea Unuversala Esperanto-Kongreso en Varsovio ĉijare havos la eblecon viziti ankaŭ la grandan, antikvan kaj historian urbon KRAKOW, kiu dum jarcentoj estis ĉefurbo de Pollando kaj sidejo de polaj regantoj. En ĝi oni ĝuos la plej valorajn historiajn restajojn de la arto.*

*Okaze de la Universala Esperanto-Kongreso la Komitato por turismo (Varsovio), „Agpol" — reklamoficejo kaj eldonejo por eksterlanda komerco eldonis belegan, riĉeilustritan 26-paĝan libreton-prospekton pri Krakow, en kui oni legas pri la historio kaj signifo de tiu fama urbo. La prospekto estas ricevebla senpage.*

*La fotografaĵo prezentas la preĝejon Sankta Mario en Krakow.*



## JUGOSLAVIO

Pri la fondiĝo de la Jugoslavia Esperantista Ĵurnalista Asocio (JEĴA) kaj ĝia membriĝo al TEĴA la legantoj de "Internacia Ĵurnalisto" jam estis sciigitaj en la pasinta jaro. Nun ni deziras informi la legantiojn pri novaĵoj el la interna vivo de JEĴA.

La sidejo de JEĴA laŭ la decidoj de la lasta kunveno de ĝia estraro, translokiĝis el Beogrado en Zagrebon. Nova prezidanto de JEĴA fariĝis Željko Takaĉ el Zagrebo (Boškovićeva 24); nuna sekretario estas Vlado Junković el Radio Zagreb. La ceteraj estraranoj estas: Marinko Ĝivoje, redaktoro de la revuo „La Suda Stelo", Matko Dobĉnik, redaktoro de la esperantista junulara gazeto „La Progreso", Nedjelka Subotić el Beogrado, Marija Pavlova el Skopje kaj Stanislav Škrbec el Rijeka.

Ŝt, Ŝ.

## NOVAJ MEMBROJ DE T. E. J. A.

Lidia Lvovna Svetĉenko, Deribasovskaja 3. kv. 9, **Odesa**, Sovet Unio.
Alois Hilkersberger, Lötzweg 15, **Landcok-Tirol**, Aŭstrio.
Ro Hungco, Ban 12. Ĉunsundong, **Vunsan Kandŭndo**, Koreo.
Jordan Balabanov, ul. Nedelĉo Nikolov 109 b, **Stara Zagora**, Bulgario.
Edvardas Medonis Grybaŭsko 22, **Kaŭnas** 19, Litova SSR, Sovet Unio.
Horst Pattke, **Borsdorf (Laipzig)**, Karl-Marx-Strasse 8, Germanio (DDR)
Kazuo Doŭra, ĉe Asahi-Press, Hirokoĵi-Dori, 2, **Nagoja**, Japanio.
Miroslav Mojziŝek, **Vratimov 340**. Ĉeĥoslovakio.
J. Ŝmits, **Debele**, Tubsanatorio „Lilberze", Latvia SSR, Sovet Unio.
Red. Mlynczyk Wirgiliusz, **Bialistok**, ul. Wiktori 40, Pollando.
Leo G. Fiŝbein, **Uzlovaja**, Tulskoj obl., ul. I Daĉnaja 42. kv. 9, USSR.
Truong-Son, redakcio „Tiên-Phong", **Hanoi**, Vietnamio.
Phan-dang-Tâi, Bao Nhân-Dân, **Hanoi**, Vietnamio.
Vu-Ĉan, redakcio „Vietnam en Marche", **Hanoi**, Vietnemio.
Dào-duy-ky, Viên Bao-Tàng Cach mang Viêt nam, **Hanoi**, Vietnamio.
Kinh Quôc, redakcio „Tap chi Van Su Dia", **Hanoi**, Vietnamio

### Adresŝanĝoj

Oskar Berman, Kikar Malchey Israel 6/4, **Tel-Aviv**, Israel.
F-ino Katja Maneva, redakcio „Zname na komunizma", **Târgovište**, Bulgario.
Oskar Gardi, ul. Ŝkolnaja 2, k. 18, Leningrad-P-183, Sovet Unio.
Shi Si wei, Sindiana Gazeto „Xingiang Rîbao", Urumuĉi, **Sindian**, Ĉinio.

## ETAJ SCIIGOJ

**Esperanto en la tutmonda gazetaro.** Pasintjare la nacilingvaj gazetoj aperigis proksimume 20 000 priesperantajn materialojn, la italaj gazetoj-1,100 artikolojn, la jugoslaviaj—1,000, la Brazilaj—8500, la francaj—950, la germanaj—1,005, la danaj—600, la svedaj—820, la bulgaraj—475. la hungaraj—184, la belgaj—480, la sovetaj—334, la britaj—430.

**Magnetofona Servo de UEA**, Komisiito: Rüdiger Eichholz ĉe Esperanto-Press, Oakville, Ontario, Kanado. Oni povas liveri, aĉeti, vendi, ricevi ĉe la supra adreso. Petu la liston de nun haveblaj sonbendoj kaj cirkuleron pri la Magnetofona Servo.

**Interŝanĝas** tutmonde artikolojn, presinformojn por ĉiuspecaj gazetoj kaj ĵurnaloi: Jojko Stanêk, Instituto de ĵurnalismo, Stalinstrato 3, Praha 12, Ĉeĥoslovakio.

**La granda** ilustrita semajna pollingva gazeto **Kulisy** (eldonkvanto 300.000 ekzempl.) informas regule la legantojn pri Esperanto kaj la *paca movado pere de Esperanto.* La redakcio petas pri tiaŭgaj informoj kaj fotografaĵoj el la tuta mondo.

Ĉe la sama gazeto estas ankaŭ fondita **Tutmonda Korespondklubo de Esperantistoj kaj Esperanto-amikoj, nomita „Amika Servo".**

Ĉiulandaj geesperantistoj, sendu kontribuaĵojn al la la gazeto „Kulisy" kaj viajn adresojn pri korespondado senpere al la **redaktoro de la Esperanto-fako kaj prizorganto de la Klubo, S-ano Mag phil. Mieĉislav Zgórzewski, Wroclaw 2, skrytka pocztowa 22, Pollando.**

La ricevo de ekzempleroj, enhavantaj viajn informojn kaj la akurateco en la korespondado estas garantiataj.

**Pro transiro** de la presejo al alia presejo, la apero de tiu ĉi n-ro de „Internacia Ĵuraalisto" malfruiĝis.

## „NUNTEMPA BULGARIO" KOLORILUSTRITA

Cijare la belega Esperarto-revuo „Nuntempa Bulgario" jam aperas riĉe koloriilustrita. Pro la konstanta plialtiĝo de ĝiaj abonantoj la eldonkvanto de la revuo jam estas 15,000 ekzempleroj kun pligrandigita amplekso. Per sia varia enhavo la revuo fariĝis la plej bela kultura Esperanto-revuo en la mondo. Abonkotizo: 1.50 US us-onaj dolaroj, adreso: str. Levski I, Sofia, Bulgario.

## ATENTIGO!

La Estraro de TEĴA preparis kaj sendis al ĉiuj membroj de TEĴA stencilitan folion-demandaron por ĝustigi la kategoriojn de ilia membreco, laŭ la profesioj, kaj la adresojn.

Ĉiuj ricevintoj de la demandaro devas respondi preslitere aŭ skribmaŝine al la demandoj kaj sendi la demandaron laŭ la ebleco aŭ al la Sekretario de TEĴA (D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Citadella (Padova) Italio, aŭ al la redaktoro de „Int. Ĵ-sto".

La membroj de TEĴA ankoraŭ ne ricevintaj demandaron bonvolu peti ĝin de la Sekretario.

## GRANDA JUĜPROCESO KONTRAŬ ĴURNALISTO EN GREKLANDO

En decembro pasintan jaron la polico en Atina, ĉefurbo de Greklando, arestis la direktoro de la populara greka gazeto „Avgi" Manolis Glezos. La ĵurnalisto Glezos famiĝis ankoraŭ dum la dua mondmilito. Pri li la greka historiisto D. Gatopulos (ne apartenanta al la maldekstraj partioj) skribas en sia libro „Historio de la okupado" jene:

„. . . ni devas doni honoran lokon al la unua brava heroaĵo de la greka popolo, kiu indas esti skribita per oraj literoj en la historio de la pli nova Greklando. Temas pri la demeto de la germana standardo kun la svastiko de sur la sankta monteto de l'Akropolo dum la nokto de 30 kontraŭ 31 de majo 1941 j. . . Nome dum tiu nokto du junaj studentoj, du veraj herooj, devenantaj de la sinoj de la greka popolo, Manolis Glezos, studento en la Supera komerca lernejo, 19-jaraĝa, kaj Apostolos Santas, studento en la fakultato pri juro, 19-jaraĝa, ambaŭ batalantoj pli prose de la Greka Liberiga Fronto (EAM), sukcesis nerimarkite suprenirі la Akropolon. Ne konsiderante sian vivon kaj sen timo, malgraŭ la ĉeestanta germana gardistaro, ili demetis la germanan standardon, disŝiris ĝin kaj retiriĝis nerimarkitaj."

La koleriĝintaj naciistaj okpantoj tiam mortkondamnis la ambaŭ bravulojn, kies heroajo estis la unua signalo por la greka nacia rezistbatalo. Ek de tiam Glezos estas honorata kiel „la heroo de la Akropolo".

Pli malfrue, post la liberiĝo de Greklando, pro partopreno en politika batalo Manolis Glezos estis ree arestita kaj mortkondamnita. En la malliberejo li restis de 1948 ĝis 1954 jaro. En 1951 j. li estis elektita kiel deputiton de la Parlamento. Post lia liberiĝo (1954 j.) li fariĝis membro de la gvidanta komitato de la granda opozicia maldemkstra demokrata partio kaj direktoro de la progresema gazeto „Avgi".

La 5-an de decembro 1958 j. pro lia opozicia politika laboro li ree estis arestita kaj kulpigita kiel „spiono". La 9-an de julio 1959 j. la milita tribunalo komencos la juĝproceson laŭ la malnova (de 1936 j.) speciala leĝo, postulanta mortkondamnon.

Okaze de tiu juĝproceso en Greklando kaj en la tuta mondo la progresemaj ĵurnalistoj kaj homoj serioze protestas kaj postulas la liberigon de Manolis Glezos.

---

### PETO AL LA GEKOLEGOJ

Por pliviglіgi la esperanto-aferon en Rumana popola respubliko kaj en nia urbo Krajova mi deziras refondi mian disbatitan dum la malfavoraj militajaroj Esperanto-bibliotekon. Mi petas la gekolegojn en la tuta mondo sendi al mi malnovajn kaj uzitajn Esperanto — gazetojn kaj librojn. Kun dankemo atendas: Florian Paraskivesku, str. Pompiliu Ŝtefu 13, Krajova, Rumanio.

## ESTRARO DE TEĴA

**Prezidanto** — Olav Thormodsen, Box 132, **Haugesund,** Norvegio.

**Vicprezidanto** — Niilo Kavenius, Niklasengatu 10/14. **Turku** 9. Finnlando.

**Sekretario-kasisto** — D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5. **Cittadela** (Podova), Italio.

**Helpsekretario** — Maria Vogel, Kniebisstrasse 31, **Stuttgart,** Germanio.

**Redaktoro** — Ivan Keremidĉiev — Esperov. bulv. Hristo Botev 98, **Sofia** 2, Bulgario.

**Membroj** — Andrè Ribot, 11, rue Paul Vergnes, **Marmande,** Francio; Takaĉ Željko, **Zagreb,** Jugcslavio.

## KOMITATANOJ DE TEĴA

Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Frunzenskaja nab, 118/120 A kv. 12, Moskva 131

Danujo — G. N. Jepsen, Skovvangen, 17, Silkeborg. S-ano Jepsen, gvidas la fakon Interŝanĝservo.

Ĉehoslovakio — Joĵko Stanek, Osabni 45, Praha

Rumanio — Ştefan Freamât, str. Gabriel Peri 4 Bucureşti.

Pollando — Emil Mayer, Krakow, Florianska 4.

## LANDAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA

Hungario — Marton Lajos, Esperanto Burs-utca 2, Budapest XII

Vietnamio — Dào-anh-kha, Nôi Quôctê-nou Bv Hb Viêt-nam. Hanoi (via USSR).

Jzraelo — Oskar Berman, Kikor Malhej, Ysrael, Tel-Aviv.

Italio — Renato Pennazio, v. Vagnone 1, Trofarello (To).

Ĉinio — Shi Si wei, ĵurnalista fako, Pekina universitato, Peking.

Suisse. Dr. H. Unger, „Die Reise", Unger-Verlag, Zürich 22.

Svedio. Karen Salmose, Stallgatan 1, Ysted.

Estas serĉataj reprezentantoj de TEĴA por ĉiuj landoj

Agemaj membroj, dezirantaj esti reprezentantoj de TEĴA por sia lando, estas petataj tuj anonci siajn adresojn al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto". En landoj, kie estas ĝis 4 membroj de TEĴA ili povas interkonsiliĝi kaj anonci sian reprezentanton al la redekcio.

*

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" sendas interŝange la organon al ĉiuj Esperanto-redakcioj, petante ilin sendi interŝanĝe siajn gazetojn al redakcio „Intern. Ĵ-sto".

Redaktoro: IV KEREMIDĈIEV — ESPEROV, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario

Ŝtata presejo „Narodna prosveta" — Sofia